# Itala Fervojisto




Il Ferroviere Italiano

**2020 / 06 (1)**






TRENITALIA
GRUPPO FERROVIE DELLO STATO ITALIANE

Tper
Trasporto Passeggeri Emilia-Romagna

Cifereca teknologio, "Metroo Romo" senŝoforaj trainoj / Fervojoj Emilio Romanjo: naskiĝis *Trenitalia Tper*

Tecnologia digitale, treni senza conducente "Metro Roma" / Ferrovie Emilia Romagna: è nata *Trenitalia Tper*

## Informa Bulteno (por la disvastigo de Esperanto)

Bollettino di Informazione (per la diffusione della lingua internazionale Esperanto)

| Quote - Materiali | € |
|---|---|
| IFEA/IFEF (tutti) | 25,00 |
| FEI (ordinario) | 30,00 |
| FEI (giovane o familiare) | 15,00 |
| DLF (Effettivo, in servizio o pensione) | 12,00 |
| DLF (Aderente = familiare) | 12,00 |
| DLF (Giovane) | 6,00 |
| DLF (Frequentatore) | 17,00 |
| Circolo Culturale Gruppo E-o Bologna | 8,00 |
| *Lessico Ferroviario RailLex* | *8,00* |
| *Historio de la Fervojista E.o-Movado* | *3,00* |
| *Historio de IFEF 1909-1984* | *3,00* |
| *Suplemento al Historio 1984-1999* | *3,00* |
| *NomListoj el la Historia broŝuroj* | *2,50* |
| *Statuto kaj Regularo IFEF* | *1,50* |
| *Catalogo Fondo Librario BO* | *4,00* |
| *L'E-o in Emilia Romagna* | *7,00* |
| *Ĉu vi deziras korespondi?* | *1,00* |
| *Uzo-pretaj korespondaj frazoj* | *1,50* |
| *Vivo kaj morto de monunuo* | *1,50* |
| *Introduzione alla conoscenza dell'E.o* | *3,00* |
| Distintivi *IFEF Insignoj* | *2,50* |

Prezzi comprese spese postali.
Per minimo 3 copie: il prezzo di 2.
Rivolgersi a Bolognesi Romano:
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna,
✆ ++39 051 547 247,
💻 <bolognesiromano@alice.it>

*La legantoj estas varme invitataj kunlabori per artikoloj, informoj, sugestoj.*

*La Redakcio*

I lettori sono invitati a collaborare inviando articoli, notizie, suggerimenti.

La Redazione

**Attenzione**: la quota 2020 resta a **25,00** €.
I morosi 2019 versino per i 2 anni 50,00 €.
L'ultimo anno pagato compare sull'invio.
Vedere a lato le possibilità di adesioni e le offerte di pubblicazioni o varie altre cose.
**Attenzione**: il N-ro Conto Corrente Bancario del Segretario IFEA è il seguente:

Vito Tornillo c/o Banca INTESA Zola Predosa (BO)

**IBAN IT 31 U 03069 37133 100000001497**

***Rinnovate subito la quota:***
l'IFEA potrà così meglio programmare e operare.
Segnalate sempre:
**causale, cambio di dati e di indirizzo!**

*Fate iscrivere un collega, un familiare, un amico, un samideano: dobbiamo crescere in qualità, ma anche in quantità.* La Kasisto

# Enhavo

# Note di redazione…

Cari *samideani,*
All'inizio di questo numero trovate la notizia della fusione fra *Trenitalia* (70%) e *Tper* (30%) per unificare il traffico ferroviario in Emilia Romagna.
La nuova *Trenitalia Tper scarl (TT)* gestirà per i prossimi 15 anni (o 22) l'intero servizio ferroviario regionale con circa 1.500 dipendenti e con vasto rinnovo del parco veicoli: 86 treni nuovissimi (47 treni *Pop*, 39 treni *Rock*), e 26 treni *Stadler*.
Altra buona notizia riguarda la costruzione e l'impiego di treni con alimentazione 'ibrida', cioè sia con motori diesel e batterie (per l'ultimo miglio) su linee non elettrificate, che con pantografo sulle linee elettrificate, per limitare i consumi e l'inquinamento.
Una tecnologia indispensabile per la Toscana che sul totale di 1.479 km di linee, ne ha 503 non elettrificate e servite soltanto da treni diesel altamente inquinanti.
Un lungo articolo chiarisce come in Gran Bretagna e in altri paesi si tenda sempre di più ad utilizzare la tecnologia digitale sui treni, sì da consentire più sicurezza ed economie: Si tratta di una tecnologia intelligente tesa a connettere il sistema di segnaletica, i centri di controllo e la manutenzione dei treni e delle infrastrutture ferroviarie.
Sarà un'innovazione sociale a vantaggio di tutti; più la rete sarà automatizzata, migliori saranno i risultati ottenibili dal sistema, già ideale per le metropolitane con treni a guida automatica.
Interessante l'aggiornamento circa l'avanzamento dei lavori lungo la Galleria di base del Brennero, ora al 50%.
Molto importante anche la notizia che il gruppo Fs ha vinto la gara per il servizio dell'Alta velocità in Spagna sulle tratte *Madrid-Barcellona*, *Madrid-Valencia-Alicante* e *Madrid-Malaga-Siviglia* impiegando gli apprezzati treni *Frecciarossa 1000* in esercizio dal 2022.
C'è poi un completamento della storia degli inizi del traffico nel napoletano.
Per la rubrica sui primati dei trasporti in genere trovate concise informazioni storiche sui primi tipi di volo.
Il prossimo Congresso IFEF deve saltare un anno, così si terrà nel 2021 sempre a *Frankfurt (O) / Słubice*.
Come di consueto c'è l'invito a riflettere, durante qualche breve momento di questa frenetica vita, sui proverbi, gli aforismi, le curiosità più diverse. Per elevare lo spirito ci sono poesie e per tenere alto … il morale le battute e le vignette.
Questa mescolanza di generi raccoglie consensi perché anche così si dà un'ulteriore prova della grande capacità e duttilità dell'Esperanto nel rendere lo spirito di diversi dialetti, lingue e culture. □

## Necrologio

**Apprendiamo all'ultimo momento della scomparsa di Lucia ZANIOL, moglie dell'amico Serio BOSCHIN, a cui vanno le più sentite condoglianze da parte della Redazione e dell'IFEA tutta. □**

La Redakcio de "**Itala Fervojisto**" - Informa Bulteno kaj la Estraro de IFEA bondeziras bonajn sanon kaj daŭrigon en ĉi tiu pandemia jaro.
Pro tio la fervojistaj kunvenoj kaj la ĉi jara du landa IFEF-kongreso estas prokrastataj ĝis venonta jaro.
Aliĝilo, ĉambroinformilo, programo, instrukcioj, informoj pri la kongresurbo: vidu en posta I.F. 2020.06 kaj en aliaj retaj publikaĵoj: www.IFEF.net. □

## Fervojoj Emilia Romagna: naskiĝis *Trenitalia Tper*

La nova kompanio *Trenitalia Tper* funkcias ekde la 1-a de januaro 2020, administras regionan fervojan transporton en *Emilia-Romagna*.

*Trenitalia Tper* administros la tutan fervojan servon de la regiono *Emilia Romagna* dum la venontaj 15 jaroj (renovigeblaj ĝis 22), kun proksimume 1.500 dungitoj translokigitaj de la du partneroj al la nova kompanio kaj danke al la subteno de la membroj mem kaj la preskaŭ kompleta renovigo de la floto, tio estas epokala operacio en la nacia kaj eŭropa panoramo, kiu vidas 86 tute novajn trajnojn: 47 *Pop*-trajnoj, 39 *Rock* -trajnoj plus la 26 *Stadler*-trajnoj jam liveritaj en la lastaj jaroj.

La akcio de la investaj kompanioj estas Trenitalia 70% kaj Tper 30%.

La nova kompanio ricevis la Servokontrakton por la regiona fervoja servo, aljuĝita de la regiono *Emilia Romagna* per eŭropa oferto.

La nova komerca nomo de la konsorcia kompanio estas *Trenitalia Tper scarl (TT)*, kaj la transdono al ĝi de la du kompaniaj branĉoj komenciĝis la 1-an de januaro 2020.

La nova estraro konsistas el spertaj membroj de la publika transporta sektoro.

La Estraro estas nomumita ĝis la aprobo de la fina bilanco 2021. □ *(Trad. ViTo)*




## Ferrovie Emilia Romagna: è nata *Trenitalia Tper*




Dal 1° gennaio 2020 è operativa la nuova società *Trenitalia Tper*, che gestisce il trasporto ferroviario regionale in *Emilia Romagna*.

*Trenitalia Tper*, gestirà quindi per i prossimi 15 anni (rinnovabili a 22) l'intero servizio ferroviario della Regione *Emilia Romagna*, con circa 1.500 dipendenti passati dai soci alla nuova società e grazie al supporto dei soci stessi e al rinnovo pressoché completo della flotta, operazione epocale nel panorama nazionale ed europeo e che vede 86 treni nuovissimi: 47 treni *Pop*, 39 treni *Rock* più i 26 treni *Stadler* già consegnati negli ultimi anni.

Le quote delle società partecipate sono Trenitalia 70% e Tper 30%.

La nuova società è aggiudicataria del Contratto di Servizio per il servizio ferroviario regionale, assegnato dalla Regione *Emilia Romagna* con gara europea.

La nuova ragione sociale della società consortile assume il nome *Trenitalia Tper scarl (TT)*, e il conferimento in essa dei rami di azienda delle due società a far data dal primo gennaio 2020.

Il nuovo Consiglio di Amministrazione è composto da membri esperti provenienti dal settore del trasporto pubblico.

Il Consiglio di Amministrazione è nominato fino all'approvazione del consuntivo di bilancio 2021. □ *(trenitaliatper.it)*

# La *Hitachi*-instalaĵo en Pistoia gajnis la 400milionan eŭropan oferton por la novaj hibridaj bateriaj trajnoj de *Trenitalia*

Dum vintro, smogo sufokas multajn italajn urbojn, kie oni limigas la trafikon. Mezuro, kiu, tamen, laŭ la CNR - Instituto pri la Media Poluado, estas neadekvata rimedo por la komplekseco de la problemo, kiu devas tuŝi ĉiujn aspektojn de urba movebleco kaj ne nur tiuj. Dum la debato estas pli varma ol iam ajn, eĉ je eŭropa nivelo kun la prezento de la "Verda interkonsento" (*green Deal*), teknologia progresado klopodas doni sian kontribuon.

Komence de la jaro, ekzemple, *Ferrovie dello Stato* anoncis la fermon de eŭropa oferto por konstruado de 43 'hibridaj' trajnoj por valoro de 400 milionoj.

Ili estos konstruitaj en la fabriko de la *Hitachi Rail* en *Pistoia*, kune kun tiuj en Napolo kaj *Reggio-Calabria*, kie estos faritaj la boĝioj kaj elektronikaj partoj.

La 43 novaj motorunuoj, destinitaj al la regiona transporto de Toskanio, Sicilio, Aosta-Valo, Sardinio kaj Latio, estos ekipotaj per dizelaj motoroj por ne elektrizigitaj linioj, kun pantografo por elektrigitaj linioj, kaj per baterioj por veturi la lastan mejlon sur linioj ne elektrizigitaj tiel evitante la uzon de brulaĵo. Teknologio, do, kun tri kernoj, necesa por regiono kiel Toskanio, kiu el sume 1.479 kilometroj da linioj havas 503 el ili ne elektrizigitaj kaj tial ĝis nun servataj nur per tre poluantaj dizelaj trajnoj.

La novaj trajnoj konstruitaj de *Hitachi Rail*, nuntempe en projekta fazo, povos utiligi la bateriojn por cirkuli en la ne elektrizitaj sekcioj, sed ankaŭ por alproksimiĝi al la historiaj centroj, eniri stacidomon kaj dum haltado en urbaj haltejoj, tiel povos redukti poluajn emisiojn, en areoj jam sufiĉe sub la premo pro smogo, kaj bruon de trajnoj.

La ŝparoj estos ankaŭ ekonomiaj ĉar la bateria elektroprovizo reduktas la administradajn kostojn pro ŝparado de dizeloleo. Elemento kiu donas al uzantoj esperon pri malaltiĝo de tarifoj por kelkaj pli 'ekologiaj' linioj.

La hibridaj trajnoj, certigas *Ferrovie dello Stato*, povos atingi maksimuman rapidon de 160 km/h. La juvelo de daŭrpova movebleco estas nur la plej nova ludkarto metita sur la tablon fare de *Hitachi Rail Italy*, kiu ankaŭ produktas la novan altrapidan trajnon projektitan kune kun *Bombardier*, nuntempe en servo en Italio, la *Frecciarossa 1000*, posedas 30% de la monda merkato de la senkondukistaj metrooj veturantaj en Milano, Romo, Tajpeo, Riado, Kopenhago, Honolulo, Tesaloniko kaj Limo; konstruas la metroon kun kondukisto por Milano, Fortalezo, Miamo kaj Baltimoro kaj tradiciaj regionaj trajnoj kiel la *Vivalto* (tiu kun duetaĝaj vagonoj) funkcianta en la plej granda parto de Italio, kaj la TSR, altkapacita trajno en servo en Lombardujo.

La produktado okazas en la tri fabrikoj de *Pistoia, Napoli kaj Reggio Calabria,* kiuj dungas ĉirkaŭ 2 mil dungitojn. *Hitachi*, la nuna grupestro, naskiĝis en Japanio en 1910 kiel riparejo kaj hodiaŭ estas giganto kun ĉirkaŭ 80 miliardoj da eŭroj jare da fakturitaj vendoj, en Italio havas 12 kompaniojn kaj ĉirkaŭ 6 mil dungitojn kun 2,9 miliardoj da fakturitaj vendoj. La Koloso de la Leviĝanta Suno alvenis en Toskanion en jaro 2015 kun

la akiro de la iama *AnsaldoBreda*, historia fervoja marko, kiu en Pistoia havis fabrikon kun 900 rektaj dungitoj, 1.300 konsiderante la dependaj entreprenoj.
La komerco ligita al la fervoja industrio, en la lastaj jaroj, kreskis forte, tiel ke *Hitachi Rail Italy* fariĝis unu el la ĉefroluloj de la teknologia evoluiĝo de nia lando. Strategia por ĉi tiu celo, post la investo en la eksa *AnsaldoBreda,* estis la akiro en 2016 de *Vicenza-Fiamm*-fabriko, plej avangarda kompanio por produktado de aŭtoj kaj industriaj baterioj.
En la fabriko de *Pistoia*, post la naskiĝo de Sirio, la tramo uzata en la urbo Florenco, ili laboras al ĝia posteulo, lastgeneracia tramo funkciigita ĉu per kontaktdratoj, sed ankaŭ kun baterioj, kiuj estos la venonta generacio de veturiloj por la urba publika transporto. Profunde sentita temo, ekzemple, en Florenco, kie la Municipo estis akuzita pri "turpigo" de *Piazza Santa Maria Novella* per "arbaro" de stangoj por la provizado de la novaj tramaj linioj.
Problemo pri kiu *Palazzo Vecchio* (sidejo de la municipo) jam promesis ripari la damaĝon per eksperimentado kun la trajnproduktantaj kompanioj de alternativaj solvoj.
Unu el ĉi tiuj venos de la proksima *Hitachi Rail Italy*-fabriko, kiu koncentras ĉiujn siajn fortojn al alte teknologia movebleco kaj kun malalta kolizio kun la medio. □ *(Trad. ViTo)*

## Lo stabilimento *Hitachi* di Pistoia vince il bando europeo da 400 milioni per i nuovi treni ibridi a batteria di *Trenitalia*

Durante un inverno con alta pressione lo smog contribuisce a soffocare l'aria di molte città italiane nelle quali scatta il blocco del traffico**.**
Misura che, però, secondo l'Istituto sull'Inquinamento atmosferico del CNR è un rimedio inadeguato rispetto alla complessità del problema che dovrebbe investire tutti gli aspetti della mobilità urbana e non solo.
Mentre il dibattito è più acceso che mai, anche a livello europeo con la presentazione del '*Green deal*', l'avanzamento tecnologico cerca di dare il suo contributo.
A inizio anno, per esempio, Ferrovie dello Stato ha annunciato la chiusura di un bando europeo per la realizzazione di 43 treni ad alimentazione 'ibrida' per un valore di 400 milioni.
A realizzarli sarà lo stabilimento di *Hitachi Rail* di Pistoia, insieme a quelli di Napoli e Reggio Calabria dove si realizzeranno i carrelli e le parti elettroniche.
I 43 nuovi convogli, destinati al trasporto regionale di Toscana, Sicilia, Valle d'Aosta, Sardegna e Lazio, saranno attrezzati con motori diesel per linee non elettrificate, con pantografo per linee elettrificate, e con batterie per percorrere l'ultimo miglio su linee non elettrificate evitando così l'uso del carburante.
Una tecnologia, dunque, con tre anime, indispensabile per una regione come la Toscana che sul totale di 1.479 chilometri di linee, ne ha 503 non elettrificate e quindi ad oggi servite soltanto da treni diesel altamente inquinanti.
I nuovi convogli realizzati da *Hitachi*

*Rail*, attualmente in fase di progettazione, potranno contare sulle batterie in dotazione per circolare nei tratti non elettrificati, ma anche per avvicinarsi ai centri storici, per entrare in stazione e durante la sosta per le fermate in città, in modo da ridurre sia le emissioni inquinanti in aree già abbastanza sotto pressione per lo smog, che la rumorosità dei treni.

Il risparmio poi sarà anche di ordine economico perché l'alimentazione a batteria riduce i costi di gestione in termini di risparmio di gasolio.

Elemento che fa sperare gli utenti in un calo delle tariffe per determinate tratte più 'ecologiche'.

I treni ibridi, assicura Ferrovie dello Stato, riusciranno a raggiungere una velocità massima di 160 km/h.

Il gioiello della mobilità sostenibile è soltanto l'ultima carta messa sul tavolo dalla "*Hitachi Rail Italy"* che produce anche il nuovo treno ad alta velocità sviluppato in tandem con *Bombardier*, attualmente in servizio in Italia, il *Frecciarossa 1000*, detiene il 30% del mercato mondiale delle metropolitane driverless in uso a Milano, Roma, Taipei, Riyadh, Copenaghen, Honolulu, Salonicco e Lima; realizza le metro con conducente per Milano, Fortaleza, Miami e Baltimora e i tradizionali treni regionali come il *Vivalto* (quello con carrozze a due piani) operativo in gran parte d'Italia, e il *TSR*, treno ad alta capacità in servizio in Lombardia.

La produzione avviene nei tre stabilimenti di Pistoia, Napoli e Reggio Calabria che impiegano circa 2mila dipendenti. *Hitachi***,** l'attuale capogruppo, è nata in Giappone nel 1910 come officina di riparazioni e oggi è un colosso da circa 80 miliardi di euro di fatturato l'anno, presente in Italia con 12 società e circa 6.000 dipendenti con un fatturato di 2,9 miliardi.

Il colosso del Sol Levante è arrivato in Toscana nel 2015 con l'acquisizione dell'ex *Ansaldo-Breda*, storico marchio ferroviario che a Pistoia aveva uno stabilimento con 900 dipendenti diretti, 1.300 considerando l'indotto.

Il business legato all'industria ferroviaria, negli ultimi anni, è cresciuto con forza, tanto da portare la "*Hitachi Rail Italy*" ad essere uno dei protagonisti dello sviluppo tecnologico del nostro paese.

Strategica a questo scopo, dopo l'investimento nell'ex Ansaldo-Breda, è stata l'acquisizione nel 2016 della vicentina *Fiamm*, azienda all'avanguardia per la realizzazione di batterie automotive e industriali.

Nello stabilimento pistoiese, dopo la nascita di *Sirio*, il tram in uso nella città di Firenze, stanno lavorando al suo successore, un tram di ultima generazione alimentato sia con i fili, ma anche a batterie, che sarà la prossima generazione di veicoli per il trasporto pubblico cittadino.

Un tema molto sentito, per esempio, a Firenze dove il Comune è stato accusato di aver "deturpato" piazza *Santa Maria Novella* con una "foresta" di pali per l'alimentazione elettrica delle nuove linee della tranvia.

Problema sul quale Palazzo Vecchio si è già impegnato a mettere una pezza sperimentando con le aziende produttrici di convogli soluzioni alternative.

Una di queste arriverà proprio dal vicino stabilimento della "*Hitachi Rail Italy"*, che sta concentrando tutte le forze proprio sulla mobilità altamente tecnologica e con scarso impatto ambientale. □

## Kiel cifereca teknologio povas helpi la fervojan sistemon

Cifereca teknologio povas revolucii la mondon de fervojoj, per inteligenta trafika direktado ĝis bontenado de la vagonaroj. Oportuneco, kiu jam estas realaĵo en pluraj kuntekstoj.
La hodiaŭa angla fervoja sistemo baziĝas sur la unua strukturo donita de la viktorianaj fondintoj, kiel oni vidas el la historiaj stacidomaj konstruaĵoj, kiuj datiĝas de antaŭ pli ol unu jarcento, kaj el la paperaj biletoj.
Tamen, silente, la cifereca teknologio revolucias la britan fervojan reton. Ekipaĵoj kiel la konektitaj sensiloj, "*IoT*" = *Internet of Things* (Interreto de Objektoj) aŭ la inteligenta analizo de datumoj permesas redukti kostojn, plibonigi servojn kaj trovi novajn solvojn de informpaneloj kun reagaj kaj dinamikaj horaroj ĝis trajnoj sen lokomotivkondukistoj.
La fervojo fariĝas cifereca organizo danke al la uzo de inteligentaj teknologioj, kiuj konektas la signaladsistemon, la kontrolcentrojn, la bontenadon de trajnoj kaj de fervoja infrastrukturo.
Socia novigado por la avantaĝo de ĉiuj, fervojaj deĵorantoj kaj pasaĝeroj, ĝis institucioj financantaj la publikan transporton.
*La fervoja sektoro estas perfekta kampo por la disvolviĝo de ciferecaj solvoj. Ĝi estas revolucio progresanta, sed tamen malfacile rekonebla por la okuloj de la fina uzanto.*
Unu el la unuaj kampoj en kiuj la cifereca teknologio eniris la fervojan mondon estas signalado. Anstataŭ lokomotivkondukisto rigardanta la signalojn laŭlonge de la reloj, la konektita trajno povas ricevi la necesajn informojn transsenditajn de la inteligenta infrastrukturo. La trajno mem scias, kie ĝi estas kaj oni ne plu bezonas signalilojn flanke de la linio.
Ĉi tio permesas al trajnoj koni malfruojn, aŭtomate ĝustigi rapidon por garantii efikan uzadon de energio, administri veturadon laŭ integrita maniero, plibonigante retan trafikan direktadon kaj pliigante efikecon.
*Ĉi tiuj sistemoj konkretiĝas en servoj por subteni kondukistojn, konsilan sistemon por disponantoj, kapablaj optimumigi la kvaliton kaj efikecon de la servo.*
Inteligentaj kaj konektitaj trajnoj ankaŭ utilas kaze de malfruoj aŭ kiam veteraj eventoj endanĝerigas la servon kaj damaĝas la reton.
La instalo de la programaro pri trafika administrado de *Hitachi* progresas sur la fervoja linio de *Thameslink*.
Dank' al ĉi tiu sistemo eblos kolekti datumojn pri trajnoj, de la planita bontenado ĝis la stato de la reto, analizante ilin kun senprokrasta aktualeco por kompreni kiel plibonigi administradon de horaroj, kajoj kaj fervojaj servoj kaj por havi eblecon garantii aŭ restarigi la normalan servon.
Ĉi tiuj alĝustigoj daŭrus kvaroble pli longe regulataj de homoj kompare al trafika direktadsistemo.
*"Oni simulis situacion en kiu trajno difektiĝas. Dependante nur de homoj, necesis ĉirkaŭ 4h kaj ½ por reguli la sekvojn de la malfruo. La cifereca sistemo, bazita sur matematika optimumigo, sukcesis prilabori 400 eblajn alternativajn eltrovojn, solvante la situacion en malpli ol unu horo".*
La rezulto estas pli rapidaj vojaĝoj, pli fidindaj por pasaĝeroj kaj malpli da plendoj por la laboristoj.
Ĉi tiu sistemo jam funkcias en Britujo, sed nuntempe ĝi estas limigata donante nur subtenon al kontrolistoj por solvi problemojn. En Japanio, tamen, ĝi estas

konektita al cifereca signalado kaj tial estas tute aŭtomatigita: kiam problemoj aperas, ne necesas homaj intervenoj por trovi la solvon. Ju pli aŭtomatigita estas la reto, des pli bonaj estas la rezultoj kiujn oni povas akiri el ĉi tiu sistemo. Pro tio ĝi estas ideala por metrooj kun aŭtomate kondukataj trajnoj.
Trajnoj sen kondukistoj ankoraŭ ne estas uzataj en Britio, sed ĉi tiu nova teknologio komencis esti aplikata sur pli malgrandaj fervojaj retoj, inkluzive de la *Docklands-Light Fervojo* kaj la *Londona Metroo*.
Tamen, ekzistas projekto kiu montras kiel ĉi tiu teknologio povas esti uzata ankaŭ en pli longaj fervojaj veturadoj: *"Oni levis la solvon al sekvanta nivelo per la projekto en Aŭstralio kunlabore kun Rio-Tinto. Vartrajnoj sen kondukistoj, longaj ĝis 2,5 km, moviĝas inter la minejo kaj la haveno, nordokcidente de Aŭstralio. Sukcese realigi ĉi tiun vojaĝon per veturilo sen kondukisto permesas veturi la vojon en 43 horoj, kio pruvas fenomenan efikecon"*.
Fakte, lokomotivkondukistoj devas esti ŝangataj dum halto meze de la dezerto. Danke al inteligentaj trajnoj eblas ŝpari tempon kaj fuelon.
Ju pli aŭtomatigita estas la sistemo, des pli fleksebla povas esti la planita horaro. Parolante pri la projekto en Kopenhago, Danio, dank' al la metroa sistemo sen kondukisto, Hitachi sukcesis organizi reagantan horaron, kapablan sendi pli da trajnoj, en la staciojn kie estas pli da homamasoj, ekzemple post matĉoj kaj koncertoj.
*"Oni uzas la datumojn de la videokameraoj en la stacidomoj por ekscii kiom da homoj atendas trajnon. Oni povas analizi kaj dinamike modifi la horaron por pliigi nombron da trajnoj en specifa areo depende de la ĉeesto kaj nombro de uzantoj"*.
La cifereca fervojo ne nur okupiĝas cirkuligi trajnojn pli efike kaj solvi situaciojn kie okazas problemoj. Konektitaj sensiloj kaj la "*IoT*"-sistemo (Interreto de Objektoj) estas idealaj por monitorado kaj bontenado, ĉar ili helpas al laboristoj malpliigi kostojn de bontenado kaj sekve plilongigas la vivon de veturiloj.
*"Trajnoj transdonas ĉirkaŭ 15 gigabajtojn da datumoj ĉiutage. Ili povas rilati al ĉio, de monitorado de la trakaro kaj aeraj kabloj ĝis taksado de la stato de eluziĝo kaj triviĝo de komponantoj, ĝis la stato de necesejoj, por ke dungitaro sciu kiam purigi"*.
Sensiloj sur la lagroj de radoj helpas kolekti informojn por plani bontenadon kaj kontroli operaciajn kondiĉojn.
*"Rullagro estas projektita por funkcii ĝis 200 gradoj Celsius, kaj (dank′ al sensiloj) ni povas kontroli, ke la temperaturo neniam superas 60 gradojn. Kial ni devas aldoni teknologiajn komponantojn kiam ni povas fari la strukturon pli malpeza, pli malmultekosta kaj malpli granda ŝanĝante administradon kaj normojn de la sistemo dank′ al ciferecaj teknologioj?"*
Alia ebla apliko de "*IoT*"-sistemo estas ligita al bontenado de la fervoja infrastrukturo. En Britio, speciala bontenada trajno, konata kiel la "fluganta bananotrajno" pro sia flava koloro, estas periode veturanta sur la trakaro por inspekti ĝin per kameraoj.
La samaj kameraoj kaj sensiloj povus esti facile instalataj sur pasaĝeraj trajnoj; eĉ, tio jam estis farita en kelkaj trajnoj.
Tio evitus aŭ almenaŭ reduktus la bezonon sendi specialan inspektan trajnon sur la reloj ekster la horaroj.
*"Enkonduki ciferecajn teknologiojn en la fervoja mondo estas socia novigado, kiu vere povas plibonigi la vivon de*

*pasaĝeroj kaj la buĝeton de la trajnkompanioj, sed necesas revizii la tutan infrastrukturon, por konekti la partojn kaj la datumojn analizitajn en inteligenta maniero". "Se oni kunligas ĉiujn partojn kaj malsamajn strukturojn kunligajn en la fervoja sistemo, eblas uzi analizilojn por malkovri novajn eblojn por plibonigo. Neniam antaŭe oni povis alfronti tian kompleksan bildon".* Kaj ĉi tio estas novigado, kiu helpas ĉiujn. □

*(Trad. ViTo)*

(https://www.wired.it/lifestyle/

## Come il digitale può aiutare il sistema ferroviario

Il digitale può rivoluzionare il mondo delle ferrovie, dalla gestione intelligente del traffico alla manutenzione dei treni. Una opportunità che è già realtà in diversi contesti.

Il sistema ferroviario inglese di oggi si basa sull'impostazione data dai fondatori vittoriani, così come si vede dagli edifici storici delle stazioni, che risalgono a più di un secolo fa, fino ai biglietti di carta.

Eppure, silenziosamente, lontano dalla vista dei più, il digitale sta rivoluzionando la rete ferroviaria del Regno Unito. Strumenti quali i sensori connessi, "*IoT*" = *Internet of Things* (Internet delle Cose) o ancora l'analisi dei dati intelligenti permettono di ridurre i costi, migliorare i servizi e trovare nuove soluzioni innovative, dai tabelloni con orari reattivi e dinamici ai treni senza conducente. La ferrovia diventa digitale grazie all'uso di tecnologie intelligenti che connettono il sistema di segnaletica, i centri di controllo e la manutenzione dei treni e delle infrastrutture ferroviarie.

Un'innovazione sociale a vantaggio di tutti, dagli operatori ferroviari ai passeggeri, fino alle istituzioni che finanziano i trasporti pubblici.

*Il settore ferroviario è un campo perfetto per lo sviluppo delle soluzioni digitali. È una rivoluzione che sta prendendo piede, ma che è ancora difficilmente riconoscibile agli occhi dell'utente finale.*

Uno dei primi campi in cui il digitale è entrato nel mondo ferroviario è la segnaletica. Al posto di un conducente che guarda i segnali sul binario, il treno connesso è in grado di ricevere le informazioni necessarie trasmesse dalla infrastruttura intelligente. Il treno stesso sa dove si trova e non hai più bisogno di semafori lungo la linea.

Ciò consente ai treni di conoscere i ritardi, di regolare automaticamente la velocità per garantire un utilizzo efficiente del carburante, di gestire il viaggio in modo integrato, migliorando la gestione del traffico sulla rete e aumentandone l'efficienza.

*Questi sistemi si traducono in servizi a supporto dei conducenti, un sistema di consulenza per chi guida, in grado di ottimizzare la qualità e l'efficienza del servizio.*

I treni intelligenti e connessi possono aiutare anche in caso di ritardi o quando eventi atmosferici compromettono il servizio e colpiscono la rete. Il software di gestione del traffico di *Hitachi* è in corso di installazione sulla linea ferroviaria *Thameslink*. Grazie a questo sistema sarà possibile raccogliere i dati sui treni, dalla pianificazione della manutenzione allo stato della rete, analizzandoli in tempo reale per capire come migliorare la gestione degli orari, delle piattaforme e dei servizi ferroviari ed essere in grado di garantire o di ripristinare il normale servizio.

Questi aggiustamenti richiederebbero un tempo quattro volte superiore se elaborati dalle persone, rispetto al sistema di gestione del traffico.
*"Abbiamo simulato una situazione in cui si rompe un treno. Affidandosi solamente alle persone, ci sono volute circa 4h e ½ per riuscire a recuperare il ritardo. Il sistema digitale, invece, basandosi sull'ottimizzazione matematica, è riuscito a elaborare 400 possibili soluzioni alternative, risolvendo la situazione in meno di un'ora"*.
Ciò si traduce in viaggi più veloci, più affidabili per i passeggeri e in meno reclami per gli operatori.
Questo sistema è già in uso nel Regno Unito, ma per il momento si limita solo a dare supporto ai controllori per risolvere i problemi. In Giappone, invece, è collegato alla segnaletica digitale ed è quindi completamente automatizzato: quando si verificano i problemi, non c'è bisogno di interventi terzi per trovare la soluzione. Più la rete è automatizzata, migliori sono i risultati che possiamo ottenere da questo sistema. Per questo è ideale per le metropolitane con treni a guida automatica.
I treni senza conducente non sono ancora in uso nel Regno Unito, ma si è iniziato ad applicare questa tecnologia innovativa su reti ferroviarie più piccole, inclusa la *Docklands Light Railway* e la *Metropolitana di Londra*.
Tuttavia, esiste un progetto che dimostra come questa tecnologia può essere utilizzata anche su viaggi ferroviari più lunghi: *"Abbiamo portato la soluzione a un livello successivo con il progetto in Australia in collaborazione con Rio Tinto. I treni merci senza conducenti, lunghi fino a 2,5 km, si spostano tra la miniera e il porto, a nord-ovest dell'Australia. Riuscire a coprire questo tragitto con un mezzo senza conducente consente di percorrerlo in 43 ore, un'efficienza fenomenale"*. I conducenti, infatti, devono essere sostituiti, durante il viaggio, nel mezzo del deserto, mentre grazie ai treni intelligenti è possibile anche risparmiare carburante.
Più un sistema è automatizzato, più la programmazione oraria può essere flessibile. Parlando del progetto di Copenaghen, in Danimarca, grazie al sistema di metropolitana senza conducente *Hitachi* è stato in grado di sviluppare un orario reattivo, in grado di mandare un maggior numero di treni dove le stazioni erano più affollate, ad esempio dopo le partite e i concerti. *"Abbiamo utilizzato i dati delle telecamere nelle stazioni per sapere quante persone stavano aspettando un treno. Possiamo analizzare e modificare dinamicamente l'orario per aumentare il numero di treni in circolazione in una specifica zona a seconda della presenza e del numero di utenti"*.
La ferrovia digitale non si occupa solo di far circolare i treni in modo più efficiente e di risolvere le situazioni in cui si verificano i problemi. I sensori connessi e l'*IoT* sono ideali per il monitoraggio e la manutenzione, perché aiutano gli operatori a ridurne i costi di manutenzione e, di conseguenza, allungano la vita dei mezzi.
*"I treni trasmettono circa 15 giga di dati al giorno. Possono riguardare qualsiasi cosa, dal monitoraggio del tracciato e dei cavi sopraelevati alla valutazione dello stato di usura e di logoramento dei componenti, e fino alla verifica dello stato dei servizi igienici, in modo che il personale possa sapere quando è necessario pulire"*.
I sensori sui cuscinetti delle ruote aiuta-

no a raccogliere informazioni per pianificare la manutenzione e a verificare le condizioni operative.

*“Un cuscinetto è progettato per lavorare fino a 200 gradi Celsius, e [grazie ai sensori] possiamo evitare che la temperatura non superi mai i 60 gradi. Perché dovremmo aggiungere componenti ingegneristiche quando possiamo rendere la struttura più leggera, più economica e più piccola cambiando la gestione e gli standard del sistema grazie al digitale?”*

Un’altra possibile applicazione della *IoT* è legata alla manutenzione della infrastruttura ferroviaria. Nel Regno Unito, un treno speciale per la manutenzione, noto come “treno banana volante” per il suo colore giallo, viene periodicamente fatto transitare su binari per ispezionarli con telecamere. Le stesse fotocamere e sensori potrebbero essere facilmente installati sui treni passeggeri; anzi, è già stato fatto su alcuni treni. Ciò eviterebbe o almeno ridurrebbe la necessità di inviare un treno di ispezione specializzato lungo le rotaie fuori orario, interrompendo la manutenzione chiave del tracciato.

*“Portare le tecnologie digitali nel mondo ferroviario è un’innovazione sociale che può realmente migliorare la vita dei passeggeri e il bilancio degli operatori, ma è necessario che l’intera infrastruttura venga rivista, per poter connettere le parti e i dati analizzati in modo intelligente”. “Se si collegano tutte le parti e le diverse strutture coinvolte nel sistema della ferrovia, è possibile utilizzare gli analizzatori per scoprire nuove possibilità di miglioramento. Non siamo mai stati in grado di affrontare un quadro così complesso prima d’ora”*. E questa è una innovazione che aiuta tutti. □

## Jam 50% de la elfosado de la Brenera Baza Tunelo

La dato 29.11.2019 eniras en la historion de la Brenera Baza Tunelo: la progreso de la laboro atingis 50% de la tutaĵo elfosota. El la 230 km planitaj por la fino de la laboro 115 km estas jam faritaj.

La Brenera Baza Tunelo konsistas el sistemo de tuneloj, inkluzive de du ĉefaj tuneloj por la transiro de trajnoj, la pretervojoj, kiuj konektas ilin, la esploran tunelon kaj la haltejojn por urĝa bezono krom enirtuneloj, loĝistikaj kaj servaj tuneloj, tiel atingante 230 km-jn da tuneloj.

Kvar konstrulaboroj nuntempe estas aktivaj: Tulfes-Pfons, Pfons-Brenner (Aŭstrio), Mules kaj la subpasejo Isarco (Italio), ene de kiuj estas elfositaj, sume, ĉirkaŭ 500 m semajne. La kvanto da elfosaĵoj plue pliiĝos per la komenco de aliaj konstruaj lokoj proksime al Innsbruck (Gorĝo de Sill-torento).

Nuntempe ĉirkaŭ 1.900 homoj laboras senĉese en Aŭstrio kaj Italio por realigi ĉi tiun grandan eŭropan infrastrukturprojekton.

"Ni atingis la duonvojan punkton de ĉi tiu bonega laboro. La venontaj laboroj estos ankoraŭ pli malfacilaj, pro tio ni estos alvokitaj al la maksimuma sindevigo por atingi la komunan celon de la konstruado de la granda Brenera Baza Tunelo," substrekas la Administrantoj de BBT Gilberto Cardola kaj Martin Gradnitzer.

Kun la Brenera Baza Tunelo, naskiĝas fervojo kiu rigardas al la estonteco, kiu trairas Alpojn ĉe ilia bazo, sen montpasejoj krutaj kaj malfacile supereblaj. La Brenera Baza Tunelo reprezentas la

centran elementon de la nova fervoja linio Brenero de Munkeno ĝis Verono. Ĝi estos kaj estas plej avangarda inĝenieristika vorko por la 21-a jarcento kaj alportos signifan plibonigon de la movebleco en la koro de Eŭropo, ĝi estas parto de la Skandinava-Mediteranea koridoro, kiu evoluiĝas de Helsinko al Malto tiel kunligante Eŭropon de nordo al sudo. □ *(Trad. ViTo)*

## Già 50% degli scavi della Galleria di Base del Brennero

La data del 29.11.2019 entra nella storia della Galleria di base del Brennero: l'avanzamento dell'opera ha raggiunto il 50 % sul totale da scavare. Dei 230 km previsti a opera completata ne sono stati realizzati 115 km.

La Galleria di base del Brennero si compone da un sistema di gallerie, comprendente le due canne principali per il transito dei treni, i collegamenti fra le stesse, il cunicolo esplorativo e le fermate di emergenza oltre alle gallerie di accesso, logistiche e di servizio, raggiungendo così 230 km di gallerie.

Attualmente sono attivi quattro lotti realizzativi, Tulfes-Pfons, Pfons-Brenner (Austria), Mules e il Sottoattraversamento dell'Isarco (Italia), nell'ambito dei quali vengono scavati complessivamente circa 500 m alla settimana.

Le produzioni di scavo sono destinate ad incrementarsi ulteriormente con l'avvio di altri cantieri nei pressi di Innsbruck (Gola del torrente Sill).

Attualmente sono circa 1.900 persone che lavorano senza sosta in Austria e in Italia affinché questo grande progetto infrastrutturale europeo diventi realtà.

"Siamo arrivati al giro di boa di questa grande opera. Il lavoro che ci aspetta sarà ancora più sfidante, per questo saremo chiamati al massimo impegno per raggiungere l'obiettivo comune della realizzazione della Galleria di base del Brennero." sottolineano gli Amministratori di *BBT Gilberto Cardola* e *Martin Gradnitzer*.

Con la Galleria di base del Brennero nasce una ferrovia che guarda al futuro, che attraversa le Alpi alla loro base, senza più passi acclivi e difficili da superare. La Galleria di base del Brennero rappresenta l'elemento centrale della nuova linea ferroviaria del Brennero da Monaco a Verona.

Essa sarà ed è un'opera ingegneristica all'avanguardia per il 21-esimo secolo e porterà a un notevole miglioramento della mobilità nel cuore dell'Europa essendo inclusa nel corridoio Scandinavia - Mediterraneo che si sviluppa da Helsinki a Malta, collegando così l'Europa da nord a sud. □

*(Da BBT: Brenner Base Tunnel)*



